51a Jaro — N-ro 3 — Majo-Junio 1959a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
**Maur. JAUMOTTE**
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

# Reĝo Balduino, Alta Protektanto de la 45a U.K.

Ĵus je la momento presigi nian revuon, S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de la L.K.K. por la 45a Universala Kongreso de Esperanto, Bruselo 1960, ricevis de la Kabineto de la Reĝo, la jenan leteron :

10an de junio 1959a

Sinjoro Prezidanto,

Responde al via letero de la 20a de aprilo, per kiu vi petis la Altan Protektantecon de la Reĝo, favore al la 45a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Bruselo, en 1960, mi havas la honoron anonci al vi ke Lia Reĝa Moŝto volonte akceptas respondi al via peto kaj donas Sian Altan Protektantecon al tiu ĉi entrepreno.

Lia Reĝa Moŝto esprimas la plej bonajn dezirojn por la sukceso de tiu ĉi Kongreso.

Bonvolu, Sinjoro Prezidanto, akcepti la esprimon de mia altestimo.

La Kabinetestro de la Reĝo,
(subs.) R. Lefebure.

## PAROLADOJ DE NIA PREZIDANTO.

### En Gento.

La 12an de aprilo, nia Prezidanto paroladis en Gento antaŭ la membroj de la diversaj lokaj Grupoj.

Temis pri propagando por nia 45a U.K. en Bruselo 1960 kaj pri la atentigo de la aŭskultantoj pri la diversaj manieroj, laŭ kiuj ili povas helpi al la sukcesigo de tiu ĉi Kongreso.

S-ro Gerard De Boes prezentis kaj kore dankis la paroladinton.

### En Haarlem.

La L.K.K. de la 6a Beneluksa Kongreso invitis nian Prezidanton fari, dum la Kongreso, la festparoladon, kiu speciale temis pri la multaj malhelpoj, kontraŭstaroj kaj diversaj batoj, kiujn nia Majstro, en sia fakte mallonga publika esperanta vivo, suferis fare de la esperantistaro mem kaj de ties gvidantoj.

Li alvokis ĉiujn honorigi la memoron de nia Majstro, ne nur per evito de ĉio kio povas esti kontraŭpropagando por Esperanto, sed ankaŭ per vigla kunlaboro al la pliviqligo de la propagando favore al la verko kaj al la idealo de D-ro Zamenhof.

### En Arnhem.

La 31an de majo, nia Prezidanto veturis al Arnhem por fari tie, — dum Semajnfino organizita de la tieaj samideanoj, — paroladon pri " La Homo Zamenhof kaj lia Homaranismo ".

Dum plena horo, la paroladisto entuziasme revokis antaŭ ĉies memoron, la idealistan figuron de nia Majstro kaj detale klarigis kiamaniere tiu ĉi klopodis antaŭenirigi siajn ideojn pri homfrateco ne nur ĉe la Esperantistoj sed ankaŭ ekster nia movado.

Longa aplaŭdo sekvis tiun ĉi interesan kaj elokventan paroladon.




# 44-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Varsovio — 1-8 augusto 1959

*Sub honora protektado de la Ministro-Prezidanto de Popola Respubliko JOZEF SYRANKIEWICZ*

**Fervoja rabato :** La 33 %-a fervoja rabato de la polaj fervojoj estas ricevebla je aĉeto de la vojaĝbileto, en la koncerna lando, kontraŭ prezento de la kongreskarto. La polaj fervojoj jam informis la direkciojn de la eksterlandaj fervojoj per letero de la 5a de marto.

**Bankedo :** La L.K.K. decidis, ke dum la Universala Kongreso okazos komuna bankedo. La prezo estas fiksita je 2,50 US. dolaroj aŭ 60 zl.

**Sekcioj :** La Kongreso laboros en du sekcioj :

1. " La rolo de la Esperanto-movado en la realigo de la granda projekto de UNESCO pri interŝanĝo de Orienta kaj Okcidenta kulturaj valoroj ". Prezidos : Prof. D-ro N. Kawasaki (Japanujo) kaj raportos : S-ro N. Smith (Britujo).

2. " La funkcio de la Esperanto-Societoj en la nuntempa Movado ". Prezidos : Mag. I. Dratwer kaj raportos S-ino E. Lapenna.

**Oratora Konkurso :** La temo por la Oratora Konkurso estas " La personeco de D-ro L.L. Zamenhof ". La premioj, disponigitaj de D-ro Maillard, estas : 1-a premio : 10.000 fr.fr. : 2a premio : 6.000 fr.fr. : 3a premio : 4.000 fr.fr.

Rajtas partopreni gejunuloj ĝis 21jaroj.

**La 4a Internacia Infana Kongreseto :** malfermiĝos sabaton la 31an de julio kaj fermiĝos sabaton la 8an de aŭgusto, je la 12a h. Frualvenintaj infanoj estos akceptataj jam vendredon le 30an de julio.

La aliĝkotizo estas fiksita je 6 US. dolaroj kaj inkluzivas ĉiujn programojn kaj servojn de la Infana Kongreseto, nome matenmanĝo, du ĉefmanĝojn, posttagmezan manĝeton, ekskurson, amuzaĵojn, festojn, dumnoktan restadon, prizorgadon kaj asekurojn.

La Kongreseto estas rezervita al infanoj de 6 ĝis 13 jaroj, kiuj povas kompreni kaj paroli Esperanton kun samaĝuloj.

Escepte de la fiksita akceptotago, vizitantoj ne estos allasitaj. Nur la gepatroj povos viziti la gefiletojn vespere je la 19a h.

Aliĝoj estos akceptitaj nur ĝis la 30an de junio 1959.

**Novaj Fakaj Kunsidoj :** Anoncis ankoraŭ fakkunvenojn : Studenta Tutmonda Esperantista Ligo : Internacio de Militrezistantoj : Esperanta Ŝakligo Internacia ; Tutmonda Kuracista Esperantista Asocio : Budhana Ligo Esperantista ; Internacia Fervojista Esperantista Federacio ; Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio ".

**Kongresa radio :** Ĉiusabate en la radiodissendo "Voĉo de la 44a" okazas elsendoj en la kadro de la ĉiutaga duonhora programo en Esperanto de la Pola Radio, sur mallongaj kaj mezaj ondoj, de la 16.30 h. ĝis la 17a h.

**Statistiko :** Je fino de aprilo enskribiĝis enture 2.301 el 41 landoj (Pasintjare je sama dato : 1.608 el 34 landoj) inter kiuj 23 belgoj ; 1.066 poloj : 16 el Sovietunio.



# La 45 a Universala Kongreso en Bruselo

Jam dum sia kunsido de marto de pasinta jaro, en Rotterdam, la estraro de U.E.A. petis S-ron M. Jaumotte ekzameni la eblecon organizi Universalan Kongreson en Bruselo, dum la jaro 1960.

Post interkonsiliĝo kun diversaj ĉefaj reprezentantoj de nia movado en nia lando, jesa respondo estis donata. Kaj tuj jam formiĝis L.K.K., kiu komencis esplori la demandon.

Nun, la 3an de aprilo, la estraro de U.E.A. en sia nunjara kunsido, formale komunikis al la Prezidanto de la L.K.K. sian decidon ke la 45a U.K. okazos efektive en Bruselo kaj ĝi fiksis la kotizojn por tiu ĉi Kongreso jene :

Kotizo por individuaj U.E.A.-membroj Fr. 400,—
Kotizo por ne-membroj de U.E.A. Fr. 450,—

La edzinoj de aliĝintaj kongresanoj pagas kotizon egalan al la duono de la kotizo de la edzo : do Fr. 200, se la edzo estas membro, kaj Fr. 225 se la edzo ne estas membro de U.E.A.

Por la infanoj ĝis 20jaraj kaj por la studentoj estas antaŭvidata kotizo egala je la triono de la oficialaj kotizoj.

Ni aldonu ke tiuj ĉi kotizoj valoras ĝis **la fino de 1959.** Ekde la komenco de januaro 1960 ĉiuj kotizoj estos altigataj per 1/8 kaj, ekde la 1-a de aprilo, per 1/4 de la komencperioda kotizo.

Se ni konsideras ke, en 1928, la kotizo por la XXa U.K. en Antverpeno estis Fr. 175,—, dum la vivkostoj en Belgujo pli ol kvarobliĝis intertempe, ĉiu konkludos ke tiuj ĉi kotizoj estas vere tre malaltaj por organizo de Kongreso, kun programamplekso tiel vasta kiel la nia.

La kotizo efektive enhavas ne nur la enirrajton al ĉiuj oficialaj aranĝoj : interkona vespero, inaŭgura soleno, Somera Universitato, kunsidoj diversaj, fakaj kaj profesiaj ; sed ankaŭ al la Internacia Balo kaj al la Teatra kaj/aŭ Koncerta Vesperoj organizataj en la kadro de la U.K.

La kotizo do entenas vere, krom evidente la ekskursoj aŭ postkongresaj vojaĝoj —, ĉiujn elspezojn farotajn por la plena ĉeesto de la Kongresaranĝoj mem.

Malgraŭ la fakto ke la Belgoj cetere havos multa malpli da elspezoj rilate al la vojaĝo kaj, — por parto el ili almenaŭ —, rilate al la loĝado, ni kredas ke estas oportune ke, jam de nun, ĉiuj grupoj organizu ŝparkason en kiu niaj samideanoj povos pagi ekzemple Fr. 10 ĝis Fr. 20 ĉiusemajne, tiel ke la kotizo estu certe plenpagita antaŭ la fino de la jaro.

En tiuj Grupoj tia ŝparkaso jam ekzistas de diversaj monatoj kaj la membroj, kiuj ŝparis la necesan sumon, estos enskribataj en " Honora Kolono " por la 45a. . . . Ni zorgu ke jam tre baldaŭ enskribiĝu la unuaj membroj de tiu ĉi Honora Kolono.

La kotizmono, ekde nun, povas esti pagata al la **kongreskasistino de la Ligo,** same kiel ĝi jam ofte okazis por kongresoj en la eksterlando. Tiu ĉi koncentrigo de la pagoj efektive plifaciligos la laboron de la L.K.K. dum la estontaj monatoj.

L.K.K.

## IN MEMORIAM MORRIS DE KETELAERE

Falis stelo de sur la ĉielo. La 15an de Aprilo, la senkompata morto forrabis unu el la plej malnovaj esperantistoj de nia lando, sinofereman profesoron kaj modelon de nia movado. Li lernis Esperanton en 1917 kaj de tiam restis fidela aktivulo.

La perdo estas tiom pli kruela, ĉar nia amiko fakte estis en plena forto. Antaŭ kelkaj semajnoj li ankoraŭ faris gravan paroladon kaj du tagojn antaŭ sia morto, li ankoraŭ donis kurson. Neniu el ni povis tiam imagi, ke ne plu jam ni povos vidi lin denove . . .

Kvankam homo sperta kaj konsekvenca, S-ro M. de Ketelaere estis granda idealisto. Regante almenaŭ kvar tremdlingvojn, li tamen dum sia tuta vivo sin dediĉis al la internacia lingvo. Tre agema, li senĉese kaj ĉie faris efikan propagandon por Esperanto kaj lia parolo neniam konvinkis. Vere kaj entuziasme li amis nian karan lingvon.

Elstara lingva talentulo kaj fervora pedagogo, li estis ĝisfunde kompetenta pri la plej malfacilaj gramatikaj kaj vortaraj problemoj. Centoj da lernantoj profitis lian klerecon kaj daŭre miris pri la propra, majstra maniero laŭ kiu li scipovis vidigi sinteze la tutajon de Esperanto. En la oficialaj ekzamenoj, oni konis lin kiel plej kapablan kaj justan gvidanton. Lian profilon ni neniam povos forgesi.

Sed ĉefe estis li ankaŭ valora amiko, ĉiam same modesta, ekstreme lojala en ĉiu kunlaboro, konscienca en ĉio, kion li faris. Ni scias ke tre ofte li interrompis intertraktadojn en neproksimaj urboj por veni al la kursejo. Kaj ĉiam li restis preta helpi, konsili, unuvorte : servi. Je lia pordo, ni neniam frapis vane . . .

Batis en lia korpo vere granda koro. Li vivis tre altmorale : mi estas certa, ke neniam en sia vivo, Sinjoro de Ketelaere faris malgrandaniman agon. Sincera Kristano li estis, honesta, sindonema, firma en siaj opinioj. Malgraŭ la gravaj malfeliĉoj, kiuj lin frapis tiel same en la persona kiel en la profesia vivo, li neniam senkuraĝiĝis kaj senlace batalis . . .

Ni, membroj de la Reĝa Belga Ligo, partoprenas la fortan doloron de la ĉagrenoplena familio. Al liaj bofiloj, filinoj kaj speciale al la malĝoja Johana ni esprimas, kun klinita kapo, sinceran senton de profunda kondolenco. Ni esperas ke ili ĉiuj trovu sufiĉe da rezignacio por elteni la kruelan baton.

Adiaŭ, samideano tre estimata ! La tuta belga esperantistaro bedaŭras vian foreston . . .

Ĉesis ja viaj strebado kaj sindono, ĉesis la simpla varmo de via amikeco, sed neniam ĉesos nia dankema memoro . . .

Post vivo plena je laboroj kaj zorgoj, la ĉiopova Dio vin feliĉigu. Li donu al vi, en alia sfero, la sopiritan ripozon . . .

Luc De Marré.

## Aviadile al la U.K. en Varsovio.

Antaŭvide al la Universala Kongreso en Varsovio dum la unuaj aŭgustaj tagoj de tiu ĉi jaro, ni povas atentigi pri la bonegaj ekzistantaj aviadilaj linioj inter Bruselo kaj Varsovio, ekspluatataj de la Belga kaj Pola Aer-societoj. La SABENA kaj la LOT havas regulajn ĉiutagajn servojn (escepte Sabate) laŭ la ĉi suba horaro :

| SN 674 | LO 248 | | SN 675 | LO 247 |
|---|---|---|---|---|
| Metro T. | IL-14 T. | | Metro T. | IL-14 T. |
| 1.3.5. | 2.4.7. | | 1.3.5. | 2.4.7. |
| 11.50 | 14.30 | BRUSELO (GMT + 1) | 20.15 | 12.25 |
| | 16.50 | BERLINO (GMT + 1) | | 9.50 |
| 16.15 | 20.25 | VARSOVIO (GMT + 2) | 17.10 | 8.— |
| | 17.30 | (Schönefeld) | | 9.05 |

La tarifo de la aervojaĝo ire kaj revene estas 7.435 frankoj en turisma klaso.



# NIA 8A BENELUKSA KONGRESO

**16 - 17 - 18 de majo 1959 - Haarlem**

42a de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

## Harlema Gloro

*(proto'koleroj beneluksaj)*

Sekreto de l'sukceso
de l'sesa Bo-kongreso ?
Harlem-oleo fama
kaj dolĉigilo ama
por ventro kaj por koro :
parol- kaj manĝlaboro,
samideana trakto,
stomaka glatkontakto.

Ĉi tio krom la floroj
kun sunaj brilkoloroj,
la belaj florknabinoj
(pli taŭgaj medicinoj !)
unikaj en Holando :
harlema propagando,
pli bona log-efiko
eĉ ol Frans Hals-peniko !

Frans Hals, el . . . Antverpeno,
inspiris pri l'festeno
al Lokoko aminda
kaj grupo jubilinta :
de Wolf, la luma lampo,
kaj Breedveld, « larĝa kampo »
por tasko servopreta
de ĉiuj — kaj konkreta.

Ni laŭdu l'festvesperon,
kantatan « Su »-numeron,
la Kenemeran Trion,
(ĝi gajnis la premion !)
la skeĉojn prezentatajn ,
(morpentrojn nunedatajn)
knabinojn kiuj dancis . . .
La . . . troan ni kvitancis.

Jaumotte paroladis
kaj la enhavo gravis :
ke estas romantiko
la Esperant-etiko,
per Zamenhof li pruvis :
do daŭre ni . . . vesuvis,
kaj niaj ardaj lafoj
destinas nin je . . . ŝafoj.

Ke oni jarkunvenis
mi tute ne komprenis,
ĉar ĉiujare l'samo
diriĝas. Al Zandamo
ni tial do forkuras,
kie oni figuras :
Petro la Granda instruas
kiel oni . . . konstruas !

Ni l'Harlemanojn gloris
tre prave . . . sed favoris
vetero, kaj merito
por la kongres-spirito
estis en ĝia konto :
ĝi estis ĉe la fonto
de ĉies dankesprimo,
de gasto kaj . . . viktimo !

TYNEVERUM

Kiam ekde la tagmezo la kongresanoj alvenis el ĉiuj direktoj en Haarlem, ili tuj sentis sin hejme, vidante la ridetantajn, flirtantajn verdstelajn flagetojn de ĉiuj aŭtobusoj, kie ajn en la urbo . . . Tio efikis kvazaŭ elkora bonvenigo.

Jam je la 2a malfermiĝis la akceptejo, en la Restoracio Brinkman, kiu, kun sia bela salonaro, estis same taŭga kiel inda. Situanta sur la Granda Placo, en la plena koro de la urbo, ĝi estis por ĉiuj facile atingebla.

La vizitantoj estis baldaŭ helpataj de LKK-anoj, kiuj kun afabla rideto disdonis laŭkutime la kongresajn dokumentojn kaj ankaŭ planon pri la urbo kun bele ilustritaj turismaj broŝuroj, grandparte en esperanto.

### Akcepto.

Dum tiu ĉi kongreso ne okazis oficiala akcepto en la Urbdomo, sed nin akceptis la Harlema Esperanto-Societo " Komprenado Faras Pacon " (sekcio de L.E.E.N.), okaze de sia 50-jara ekzistado.

### Malferma Kunsido.

Estis antaŭ jam tre multnombra ĉeestantaro — ni tie ĉi atentigas ke ĉirkaŭ 200 personoj aliĝis al la 8a Beneluksa Kongreso — ke malfermiĝis ĉi tiu solena kunsido.

Sur la podio eksidis Sro E. de Wolf, prezidanto de L.K.K., kun la 3 prezidantoj de la respektivaj Ligoj : S-ro F. Weeke (L.E.E.N.), S-ro G. Debrouwere (Fl.L.E.) kaj S-ro M. Jaumotte (R.B.L.E.).

La prezidanto de la L.K.K. unuavice bonvenigis la kongresanojn kaj deziris al ili plej agrablajn kongrestagojn.

Sro Weeke, tiam oficiale malfermis la kongreson. La prezidanto de L.E.E.N. alportis la salutojn de F-ino Th. E.S.v.d. Reyen, ĝenerala sekretariino de L.E.E.N. kiu kuŝas en kliniko, kie delegacio vizitis ŝin kaj transdonis al ŝi belajn florojn. Sekvis laŭtvoĉa legado de pluraj saluttelegramoj, senditaj i.a. de Prof. D-ro Canuto, de D-ro Lapenna kaj de diversaj ligoj alilandaj.

S-ro G. Debrouwere dankis al L.K.K. kaj esprimis sian fidon en la daŭra kunlaboro de la beneluksaj partneroj.

Siavice, S-ro Jaumotte alportis varman saluton kaj speciale atentigis pri la estonta Universala Kongreso en Bruselo kaj, salutante la kongresantojn, li ekde nun ilin invitis al vigla partoprenado.

### La interkona vespero.

Ĝi komenciĝis je la 8a, horo je kiu oni rimarkis nur kvarpersonajn tablojn sed ĉirkaŭ kiuj povis sidiĝi almenaŭ dekduo.

Baldaŭ bonhumoraj ŝercaĵoj aŭdiĝis, sinceraj manpremoj kaj brilantaj vizaĝoj montriĝis dum la multaj renkontiĝoj de esperantistoj, kiuj rekonis unu la alian.

Dume, orkestreto zorgis por plaĉa fono . . .

Iom antaŭ la 23a horo, la atmosfero estis tia, ke la planko jam tiklis la piedojn de la ĉeestantoj.

Ĉiuj tabloj estis metataj kontraŭ la muroj kaj la muzikistoj sursceniĝis. La prezidanto de la L.K.K. petis sinjoron Maertens iĝi dancestro kaj ĉi lasta, pere de multobliga danco, sukcesis, en vere rekorda tempo, dancigi la tutan kongreson.

La horoj vere forflugis ekster nia scio kaj kiam sonis la unua, multaj opiniis ke oni ĉesigis tro rapide la plezuron . . .

## LA DIMANĈA TAGO.

Dum la frua mateno multaj kongresanoj partoprenis diservon, organizitan por la protestantoj en la " Remonstrantse Kerk ", dum la katolikoj ne havis, tiun ĉi jaron, speciale aranĝitan meson.

### La ligaj kunvenoj.

Je la 10a, ĉiuj kongresanoj direktis sin al la diversaj salonoj de la kongresejo, kie estis okazontaj la kunvenoj de la respektivaj Ligoj.

Oni tiam ankaŭ rimarkis, ke ĉeestas la kongreson pluraj eksterlandaj samideanoj, precipe el Britujo, kiuj partoprenis cetere ĉiujn aranĝojn kaj tiel kontribuis al la internaciigo de la tuta manifestacio.

Je la 10.30a h. komenciĝis la apartaj kunvenoj.





### Oficiala Fotografado.

Je la 12.15a h. la grupanoj amase alvenis sur la Grandan Placon por kune fotografiĝi, antaŭ la belarta fasado de la urbdomo.

La sunbrila vetero favoris la fotografistojn kaj multaj kongresanoj profitis la okazon, fari por si mem grupajn kaj personajn bildojn.

### Komuna Lunĉo.

Tuj post la fotografado, je la 13a h., komenciĝis en la kongresejo la komuna varma tagmanĝo. Tiu tagmanĝo estis senceremonia kaj senparolada, sed ĝi estis ĉeestata de preskaŭ la tuta kongresanaro, kiu agrable kunsidis ĉe longaj tabloj, metitaj en luksa salono.

Menciinda estas speciala surprizo, kiu okazis post kiam la kunmanĝantoj jam iomete silentigis sian stomakon per la bongusta supo. Envenis tuta vico da belaj harlemaj knabinoj, por surbrustigi ĉe ĉiu el ni belan floron. La Prezidanto de LEEN, S-ro Weeke, prave sin demandis en dankvorto, kiuj estas la plej belaj, ĉu la knabinoj, ĉu la floroj.

### Libera posttagmezo.

Por LEEN, la tagmanĝo estis tuj sekvata de la daŭrigo de la matenaj priparoladoj. La kongresanoj apartenantaj al la aliaj Ligoj povis libere disponi pri sia posttagmezo kaj multaj vizitis ĉu la marbordon ĉe Zandvoort, ĉu la bulbkampojn ĉe Bloemendaal, Lisse aŭ Keukenhof, ĉu la apudon ĉefurbon Amsterdam.

### La Festvespero.

La festvespero, kiu estis organizata okaze de tiu ĉi kongreso, okazis en la plej granda salono de la kongresejo. Ĝi estis plenplena kaj mankis ankoraŭ seĝoj . . .

La vespero komenciĝis sen grava malfruiĝo, kiam la prezidanto de la Haarlema grupo bonvenigis la ĉeestantojn, deziris al ili agrablan kuneston kaj ĉiujn petis, ekkanti la Kanton de l'Ligo . . .

Por substreki la solenan karakteron, oni estis elektinta enkondukan muzikon de L. v. Beethoven. La lerta " Kennemer Trio ", konsistanta el Lida Langerveld (violono), Bob van Marken (violonĉelo) kaj Annie Schoen (piano) prezentis la Trion " Opus II " (" alegron kun brilo ", " adaĝon " kaj " temon kun variacioj ").

Post tio, S-ro Maur. Jaumotte eldiris festparoladon, pri kiu oni ankoraŭ longtempe parolos en la nederlandaj esperantaj medioj. Enkonduke, la prezidanto de R.B.L.E. prelegis kelkajn trafajn frazojn, kiujn elparolis la glora kreinto de Esperanto okaze de la unua universala kongreso. Reaŭdante tiujn pensojn de nia Majstro, ni povas kompreni, kie la unuaj pioniroj por nia lingvo ĉerpis siajn mirindajn energion kaj batalpovon. Ilia laboro, iliaj senlacaj agoj kaj faroj en mondo plejparte ankoraŭ indiferenta aŭ eĉ malamika, restu ĉiam por ni brila ekzemplo pri tio, kion ankaŭ ni ĉiuj devas daŭrigi. Nuntempe Esperanto ĝuas multe pli da oficiala kaj ĉiuspeca apogo ol en la unuaj jardekoj ; tamen estas inter ni multaj esperantistoj kiuj, kvankam tre bonvolemaj, tamen tro facile senkuraĝiĝas aŭ indiferentiĝas kaj kiuj ne sufiĉe komprenas la mondampleksan karakteron de nia idealo. La Zamenhof-jaro, konkludis la paroladinto, estu por ni ĉiuj, kune kaj unuope, instigo al nova plifortigo de nia strebado.

Por bone enkadrigi la signalvortojn de la festparolado, tuj revenis la muzikgrupo, kiu same brile kiel dum la unua prezentado, ludis du partojn el verko de Antonio Arensky : " Ŝerzo-n " kaj " Finalo-n ". Antaŭ ol forlasi la scenejon, la geartistoj ricevis florojn kiel modestan esprimon de nia ĉies danko.

Tiam tri junaj knabinoj, gviditaj de S-ino T. Venema, prezentis baledojn. Ili ĉarme kaj elegante montris ritmajn movojn je kelkaj tre konataj muzikaĵoj.

Dum la sekvanta paŭzo ludis nur ankoraŭ du artistoj : la soifo kaj la bonaj malsekaĵoj . . .

Kvaronhoron poste komenciĝis la dua parto de la programo per kantado de S-ino Annie Schoen : ŝi aŭdigis " Arion de la paĝio " el " La Hugenotoj " de Meyerbeer, en esperanto, kaj " Parla " (Parolu), valson de Arditi, nacilingve. La kantistino havis tre klaran voĉon kaj tiuj numeroj akiris multan aplaŭdon. Al la sukcesigo de tiu ĉi kantada parto ankaŭ kunlaboris Emmy v. Eden, pianistino. Ĉiuj meritas verajn laŭdojn pro sia laboro, same cetere kiel ĉiuj artistoj kiuj kunhelpis al la realigo de la programo.

Post dua prezentado de la baledistinetoj estis la vico de la teatra sekcio de " La Verda Stelo " el Antverpeno, kies membroj ludis kelkajn skeĉojn. Tiu tuta parto de la vespero estis laŭ gaja maniero prezentata, de S-ro J. Verstraeten.

## LA LUNDA TAGO.

### Tuttaga ekskurso.

La vetero same kiel dum la antaŭaj tagoj restis bela, kiam la kongresanoj, lunde matene, retrovis unu la alian antaŭ la kongresejo. Iom post la 9a, ili forveturis per du grandaj aŭtobusoj kaj kvaro da





privataj aŭtomobiloj por tuttaga ekskurso tra Kennemer-lando kaj la Zanregiono.

La veturado iris tra belaj ĉarmaj regionoj kaj je la tagmeza horo oni alvenis en Zaandam, kie la Direktoro de la Metia Lernejo estis tiel afabla, disponigi por nia lunĉo la belan kantinon de tiu konstruaĵo, kie ni estis kore akceptataj. La prezidanto de la Zaandama grupo esperantista bonvenigis la ekskursantaron. Dirinte kelkajn vortojn pri la movado tiea, li deziris al ĉiuj bonan apetiton.

Ĉe bone kovritaj tabloj nin atendis alloga panmanĝo . . . La kongresanoj laŭŝajne tre malsatis ; sed ĉiam denove la servistinoj alportis novajn provizojn . . .

Elirante la kantinon, ĉiuj ricevis belan prospekton pri Zaandam kaj ankaŭ ekzempleron de la loka taĝĵurnalo, en kiu ni povis legi, en Esperanto, salutdezirojn al la vizitanta beneluksa kongreso.

Post kelkaj minutoj, ĉie en Zaandam, vagadis samideanoj . . .

Kaj denove atendis nin la aŭtobusoj. Post iom da veturado ni surpramiĝis por fari la returnan vojaĝon laŭ la alia flanko de la kanalo kaj baldaŭ ni jam estis denove, ne tro lacaj, antaŭ la kongresejo.

### Tetrinkado kaj adiaŭo.

Dum la tetrinkado evidentiĝis, ke ĉiuj partoprenintoj estas tre entuziasmaj pri la bela ekskurso.

La LKK-prezidanto ankoraŭ diris lastajn salutvortojn kaj deziris al ĉiuj bonan rehejmiĝon.

S-ro Jaumotte, je la fino esprimis sian koran dankon, nome de le tri estraroj kaj nome de ĉiuj kongresintoj, pro la tri belaj, kune pasigitaj tagoj, al la tuta L.K.K.

Kiel esperis la organizintoj, kiel spertis kaj konstatis ĉiuj partoprenintoj, nia sesa Beneluksa Kongreso plene sukcesis.

L.D.M.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Jus aperis la Jarlibro de U.E.A. por la jaro 1959. Tiu ĉi unua parto havas 544 paĝojn kun riĉega enhavo. Ĝi estas la plej granda, la plej kompleta kaj varienhava Jarlibro en la tuta historio de U.E.A. Nur antaŭ kelkaj jaroj, ekzemple en 1950, la unua parto de la Jarlibro havis 247 paĝojn, dum la dua parto en la sama jaro havis 48 paĝojn. La pasintan jaron nur la dua parto havis 223 paĝojn, dum la unua havis 393. La ĉi-jara Jarlibro superis ĉion ĝisnunan.

Estas maleble prezenti komplete la enhavon de tiu impona publikaĵo. Jen nur kelkaj eroj : antaŭparolo de Inĝ. L.K. Zaleski-Zamenhof, la nepo de D-ro L.L. Zamenhof ; informoj pri la Zamenhof-Jaro ; informoj pri la Komitato, HPK, Estraro, oficejoj, servoj de U.E.A. kun grafikaĵoj pri la Centra Oficejo, informaj fakoj kaj CED ; listo de ĉiuj organizaĵoj, honoraj prezidantoj, honoraj membroj, dumviva membraro kaj patronaro ; membroj de la Akademio ; listo de denaskaj esperantistoj ; informoj pri ĉiuj fakaj kaj specialigitaj organizaĵoj ; listo de la novaj Esperanto-libroj kaj de la tuta Esperanto-gazetaro ; Statuto kaj Regularoj de U.E.A. ; ĉefdelegitoj kaj delegitoj k.t.p. Ĉi-foje la Jarlibro enhavas ankaŭ liston, aranĝitan laŭ la landoj kaj lokoj, de tiuj lokaj Esperanto-societoj, kiuj sendis kaj pagis la koncernan anonceton. La nombro de reklamoj estas eksterordinare granda. Multaj estas ilustritaj. Laŭlanda resumo de la delegitaro montras, ke U.E.A. havas nun 2.760 delegitojn kaj fakdelegitojn (pasintjare 2.539).

La Jarlibron kaj la oficialan organon de U.E.A. ricevas ĉiu membro-abonanto. Kvankam ankaŭ la nombro de membro-abonantoj kreskis kompare kun la antaŭaj jaroj, tamen ankoraŭ multaj esperantistoj ne estas individuaj membroj de U.E.A. La gvidaj instancoj de U.E.A. klopodas ĝis maksimumo ne nur disvastigi la lingvon en la mondo, sed ankaŭ doni al la membraro gravajn publikaĵojn kaj multnombrajn servojn. Ili atendas, ke tio trovos eĥon inter la tutmonda esperantistaro. Precipe en tiu ĉi Jubilea Zamenhof-Jaro devus troviĝi eĉ ne unu esperantisto aŭ esperantistino en la mondo, kiu ne fariĝos individua membro de U.E.A., laŭ la ebleco membro-abonanto aŭ, ankoraŭ pli bone, membrosubtenanto.

Ĉiu, kiu legis la suprajn liniojn, estas invitita tuj aliĝi al U.E.A. La kotizo de membro-abonanto por via lando estas 170 F kaj vi povas ĝin pagi al Dr. F. COUWENBERG, Blankenberge, Koninginnelaan 14 pĉk 416135. Oni aliĝas por la kalendara jaro kaj ricevos ĉiujn jam aperintajn numerojn de la revuo en tiu ĉi jaro.

**Helpu al plua fortikigo de U.E.A. ! Utiligu la multnombrajn avantaĝojn, kiujn havas individua membro de U.E.A. ! U.E.A. havu en la Jubilea Jaro 1959 almenaŭ 10.000 individuajn membrojn kaj almenaŭ 30.000 membrojn entute ! Memoru, ke U.E.A. bezonas vin kaj vi bezonas U.E.A. !**

D-ro Ivo Lapenna.



# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.**
**Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Generala Sekretario : S-ro H. Sielens, « Internacia Marista Domo », Falconrui, 21, Antverpeno.**
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

## Solena Kunsido de R.B.L.E.

Dum la dimanĉa tago de nia 42a Belga Kongreso, kiu okazis dum la Pentekostaj tagoj, en Haarlemo, en la kadro de la 6a Beneluksa Kongreso, estis antaŭvidita la tradicia solena kunsido de R.B.L.E., kiu donas okazon al la ĉeestantaj membroj, kune rerigardi la laboron efektivigitan dum la antaŭa jaro.

Ĉe la estrara tablo eksidis S-ro M. Jaumotte, prezidanto, S-ino J. Plyson kaj Sro J. Soyeur, gevicprezidantoj, dum Sro H. Sielens, ĝenerala sekretario de R.B.L.E., preparante unumonatan vojaĝon al Skandinavio, estis senkulpigata.

La Prezidanto bonvenigis ĉiujn kaj deziris al ĉiuj bonan kongreson. Li tiam transdonis la parolvicon al S-ro Soyeur, kiu relegis la detalan raporton pri la laborjaro pasinta, jam prezentitan kaj laŭleĝe aprobitan dum la Generala Jarkunsido de R.B.L.E., kiun bedaŭrinde multaj liganoj ne povis ĉeesti. Post mallonga komentario pri tiu raporto, el kiu evidentiĝis unufoje pli ke la Ligo bone laboras kaj progresas, la prezidanto dankis ĉiujn estraranojn, administrantojn, gekomisarojn kaj ankaŭ ĉiujn liganojn pro ilia sindono al nia komuna idealo. Li ankaŭ memoris per kelkaj trafaj vortoj nain mortintojn.

Poste, la prezidanto ankaŭ gratulis la grupojn, kiuj, senescepte, faras gravajn klopodojn por pliigi la nombron de sia membraro. Dum tiu ĉi jaro estis Lieĝo, kiu, pocente, varbis plej multajn novulojn: tial la premion " Antoinette Jennen " la prezidanto transdonis al S-ro Soyeur, prezidanto de la Lieĝa grupo, kiu dankis kaj promesis fari sian eblon por la plua plifortigo de la grupo.

Tamen honoriĝis en Harlemo ne nur grupoj, sed ankaŭ grupanoj. Kiel ĉiujare, ni festis niajn jubileantojn, al kiuj la medalo pri fideleco estis donacata.

La Prezidanto mallonge skizis la kontraston inter la aro da personoj, kiuj estis membroj dum unu, du aŭ tri jaroj kaj tiam forlasis nin por ĉiam, kaj tiuj malmultaj fideluloj, kiuj dum longa serio da jaroj, — eĉ se ili ne kapablas ĉeesti la ĉiusemajnajn kunsidojn de sia grupo, — tamen pruvis, ĉiujare aliĝante kaj realiĝante, ke ili ne indiferentiĝis, sed daŭre kaj aktive simpatias kaj subtenas la movadon. Tial ili meritas nian ĉies laŭdon. Dum tiu ĉi jaro denove estas pluraj tiaj membroj : inter kiuj ĉeestis kaj ricevis la veteranan aŭ fidelecan medalon : Ges-roj Derks (Bruselo), 50 jara membreco ; S-ino M. Jaumotte (Antverpeno) kaj S-ro Poupeye (Bruĝo), 40 jara membreco kaj S-ro Verbrugghen (Bruselo), 25 jara membreco.

Ĉiuj de li elparolitaj gratuloj estis kore aplaŭdataj de la tuta salono.

Tutspeciale citinde estas ke tiun ĉi jaron la "Medalo pri Merito" estis donacata al S-ro Soyeur, dum ankaŭ S-ro Sielens, malhelpita, ĝin ricevos dum posta festa kunsido. Ili ambaŭ rikoltis la dankon de ĉiuj membroj pro tio ke ili, dum serio da kvin sinsekvaj jaroj, zorge plenumis gravan estraranan taskon.

Poste venis la du kromaj tradiciaj punktoj de la tagordo :

— la starigo de la Honora Kolono por la 7a Beneluksa Kongreso (kiu estos la 43a Belga), kiu okazos en Belgujo dum la jaro 1961a kaj por kiu sin tuj enskribigis pli ol 50 personoj. Laŭ propono de S-ro Jaumotte kaj post akordiĝo kun ambaŭ aliaj Ligoj ja estas decidite, ke ne estos Beneluksa, nek belga kongreso dum 1960a, jaro dum kiu la 45a Universala Kongreso de Esperanto okazos en la belga ĉefurbo ;

— kaj la kolekto por Panjo la Kaso, kiu havigis al la Ligo preskaŭ okcent belgajn frankojn.

Elĉerpinte la tagordon, nia prezidanto konklude rememorigis pri la utilo kaj la signifo de la beneluksaj kongresoj. Estas fakto, ke tiuj kongresoj kapablas kunvenigi pli da membroj ol estus eble en nure nacia kadro. Tiel, ili ankaŭ povas elradii pli da prestiĝo sur la neesperantistan publikon. Krome oni ja spertas, ke la anoj de la tri ligoj pli kaj pli ŝatas la okazojn por foje agrable kunesti en vere amika rondo.

**Feliĉaj geavoj kaj gepatroj.**

La 29an de majo naskiĝis kaj la saman tagon membriniĝis al nia Ligo Viviane Jaumotte, filineto de Ge-roj Roger Jaumotte-Meulemans, kaj nepineto de nia Liga Prezidanto kaj de S-ino Maurice Jaumotte.

Al la feliĉaj gepatroj kaj geavoj iras niaj sinceraj gratuloj, ĉe tiu ĉi naskiĝo.



ANTVERPENO
**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
Poŝtĉeknumero : 726.54

La 20an de marto dum EKJ-vespero S-ro M. De Ketelaere faris belegan paroladon kun lumbildoj pri sia vojaĝo al Sudorienta Azio.

La 27an kelkaj filmoj (taŭgaj por la U.K. de 1960a) estis prezentataj.

La 3an de aprilo S-roj A. Verhoeven kaj Defossé paroladis pri la junulargastejoj en nia lando kaj la eksterlando kaj prezentis belan filmon kaj diapozitivojn pri tiu temo.

La 10an S-ro R. Van Eynde prezentis interesajn dokumentajn filmojn kaj la






17an angla S-ano S-ro A. Tucker, kiel gasto, faris rimarkindan paroladon pri « Japanujo ».

La 24an S-ino R. Lecat paroladis pri D-ro A. Schweitzer kaj montris belajn lumbildojn.

La 1an de majo ne okazis kunveno pro laŭleĝa festotago.

La 8an S-ro Roger Jaumotte, helpata de viglaj kunlaborantoj, brile gvidis distran vesperon. Poste sukcesplena, kolorigita filmo pri Antverpeno estis prezentata.

La 15an : denove du dokumentaj filmoj estis montrataj kaj krome radiofona teatraĵo aŭdigata al kies realigo kunlaboris : F-ino E. Van der Weken ; S-roj H. De Roover, J. Montmirail, F. Schellekens kaj J. Verstraeten.

La 16an/17an/18an, dudeko da verdstelanoj partoprenis al la 6a Beneluksa Kongreso en Haarlem pri kiu raportis dum la kunveno de la 22a : F-ino Cl. Peeters, S-ino Mar. De Marré (kun rimarkinda debuto) ; la Prezindanto S-ro Maur. Jaumotte, S-roj R. Balleux, L. De Marré kaj J. Verstraeten.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 je la 20,15a h. (1a etaĝo)

JULIO : la 3an : Parolata ĵurnalo ; la 10an : Distra Vespero gvidota de S-ro R. Jaumotte ; la 17an : Parolado kun lumbildoj de S-ro L. De Marré pri « Polujo » ; la 24an : Promenado tra la urbo, gvidota de S-ro E. Paesmans ; la 31an : Variaĵoj.

AŬGUSTO : De la 1a ĝis la 8a : Universala Kongreso en Varsovio ; la 7an : Ludoj ; la 14an : antverpena kermeso kaj libertempo : NE KUNVENO ; la 22an : Raportoj pri la Universala Kongreso ; la 29an : Libertempaj raportoj.

**Funebro.**

Sur alia paĝo aperas «In Memoriam» honore de nia bedaŭrata honora vicprezidanto S-ro Morris De Ketelaere, (bo)patro de G-roj Jacques-De Ketelaere, Tytgat-De Ketelaere, De Ketelaere-Jacques kaj F-ino Johanna De Ketelaere, kaj avo de pluraj infanetoj, kiel iliaj gepatroj membroj de nia Grupo.

Ĉe la eliro de la preĝejo, S-ro M. Jaumotte eldiris en esperanto kaj en flandra lingvo la emociajn sentojn de la multnombre ĉeestantaj membroj kaj de ĉiuj esperantistoj en la lando, kiuj perdis bonegan amikon kaj fidelan kunlaboranton.

Li alportis la simpatian saluton de la R.B.L.E., de B.E.I. kaj de « La Verda Stelo » al la funebranta familio.

**Geedziĝo.**

La 2an de majo geedziĝis nia festestro S-ro Fernand Aertssens kaj F-ino Yv. Cools, ankaŭ fidela membrino kaj (bo)fratino de G-roj L. De Marré-Cools. Ĉe la eliro el la preĝejo S-ro M. Jaumotte kore gratulis la junajn geedzojn kaj iliajn gepatrojn kaj parencojn.

Ni aldonas niajn same sincerajn gratulojn.

**Naskiĝo.**

Niaj fidelaj gemembroj G. De Backer feliĉiĝis pro la naskiĝo de nepineto Gerda.

Al la junaj gepatroj iras niaj gratuloj, same kiel niaj bondeziroj al la patrino, filino de G-roj De Backer, kaj ankaŭ por la bubeto, kiu tro fruc alveninta en nian mondon, tamen nun bone fartas.

**Morto.**

Kruele trafitaj estis niaj bonaj membrinoj Elvire kaj Hélène De Coene, pro la morto de ilia kara patro.

Al ambaŭ ni transdonas niajn plej sincerajn kondolencojn, okaze de tiu ĉi gravega funebro.



BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)

La 9an de marto : « Tri Hungaroj vizitas Hindujon ». La temo estis tre instrua kaj la prelegintino, S-ino Daems klare rakontis la aventurojn de tiuj homoj kun . . . la blatoj.

La 16an, unue, S-roj P. Piron kaj Jirousek priskribis kiel ili faris tre bonan reklamon ĉe la brusela polico kun S-ro Zhekov ; poste sekvis la prefektiga kurso de S-ro van der Stempel.

La 23an : Amuza vespero organizita de Ges. Baudour : la tuta grupo lernis interalie kio estas kukumeto ; S-ino Jacobs, vera helptehnikistino, helpis al la bona amuziĝo per diskoj.





La 5an de aprilo : parolata ĵurnalo, kies premion gajnis S-ro Baudour kun « Amikoj ».

La 12an : S-ro Swinne klarigis al ni la algebran formulon, kiu permesas scii ĉu lando posedas tro da ministroj aŭ ne.

La Komitatologio ekde tiam fariĝis tute klara scienco por ĉiuj.

La 20an : La konata norvega samideano : S-ro Rosbach montris al ni pejzaĝojn laŭ la kvar sezonoj, per kliŝoj de li fotografitaj. Ili estis tre arte prezentataj. Li rikoltis varmegan aplaŭdon.

La 27an : Al la konkurso BAS, partoprenis kvar kuraĝuloj : S-ro Castel, S-ino Staes, S-ro Jirousek, S-ino Daems. S-ro Bas estis malfermінta la konkurson, rakontante sian propran esperantiĝon ; estis ne nur sprita sed ankaŭ psikologa kaj kortuŝa rakonto.

La 4an de majo : Parolata ĵurnalo kun, kiel gajninto, S-ro Baudour, kun « Disputo ».

La 11an : Kun la helpo de S-ro Piron, S-ino Staes prezentis kolorigitan filmon pri : « Malnovaj Apotekoj ». La rezultato, de tiu ĉi unua serioza provo, estis sukceso.

La 25an : Nova serio de la Konkurso BAS, kun kvar novaj rakontantoj : S-ino Marg. Weyn, S-ro D. van der Stempel, S-ino R. Jacobs, F-ino S. Obolzinski.

La konkurso BAS estas ĝis nun granda sukceso ; la klarigoj estas registritaj sur sonbendilo kaj reaŭdigataj de la publiko.

**Programo de la sekvontaj kunsidoj :**

JUNIO : la 22an : Konkurso BAS, kun sonbendigo ; la 29an : Disdonoj de la diplomoj por la kursoj de S-ino Jacobs kaj S-ro Jirousek.

JULIO : la 6an : Parolata ĵurnalo ; la 13an : Komuna legado ; la 20an : Perfektiga kurso de S-ro van der Stempel ; la 27an : Konkurso BAS, kun sonbendigo.

AUGUSTO : la 3an : Parolata ĵurnalo ; la 10an : Komuna legado ; la 17an : Perfektiga kurso de S-ro van der Stempel ; la 24an : Konkurso BAS helpe de sonbendilo ; la 31an : Diskut-vespero laŭla elektita temo.

**Funebro.**

La 8an de majo mortis post longa malsano S-ino Schumacher, edzino de nia fidela membro S-ro Schumacher, kiu de 1955 ĝis 1959 estis kasisto de la Grupo kaj kiu pro tiu malsano fine devis rezigni sian funkcion.

Nome de la Grupo funebrajn florojn prezentis niaj Prezidanto S-ro R. Jacobs, vicprezidantino Marg. Weyn kaj gemembroj F-ino M. Kestens kaj S-ro H. Castel.

Ankaŭ ni transdonas al S-ro Schumacher niajn plej korajn kaj sincerajn kondelencojn.

BRUGO

**Bruĝa Grupo Esperantista**
(Poŝtĉekkonto : N° 4835.33)

La unua grupa balo de la nuna jaro okazis la 7an de marto en la salonego « Concordia » kaj ĝuis brilan sukceson. Portugala samideano ĝin ĉeestis.

La kunveno de la 10a de marto, post plia leciono de la elementa kurso, estis ĉefe dediĉata al detala raportado pri tiu balo.

La 17an de marto, la prezidanto, post la kutima leciono, faris prelegon pri la

temo « Artefarita lingvo, vivanta lingvo ».

Malmultaj grupanoj ĉeestis la kunvenon de la 24a de marto kaj, post diversaj komunikaĵoj, agrable portretludis.

Dum la « parolata gazeto » de la 31a de marto, S-ro Ch. Poupeye paroladis pri « La juĝoregistristo » kaj F-ino, M. Willems pri « La Luno ».

Ek de la 7a de aprilo, pro nedisponebleco dum somero de la sidejo « Cornet d'Or », la grupo kunvenis en la provizora kunvenejo « Concordia ». Okazis leciono de la elementa kurso kaj poste konversaciaj ekzercoj.

La ĉeestantoj de la 14a de aprilo, post la leciono, agrable kartludis per la esperanta kartludo « Leksikon ».

Debato pri la nuntempa modo okazis dum la kunveno de la 21a de aprilo. Ĉiuj ĉeestantoj trovis ion dirotan pri tiu interesa temo.

Plia kartludado agrabligis la kunvenon de la 28a de aprilo.

La 5an de majo, okazis la lasta leciono de la elementa kurso. F-ino Th. De Grave, nome de la gelernintoj, esprimis dankojn al la kursgvidinto, S-ro Ch. Poupeye, kiu lasta invitis la gelernintojn al plia praktikado de la lingvo per regula partopreno en la grupa vivo.

La kunveno de la 12a de majo estis ĉefe dediĉata al lastaj aranĝoj por la partoprenado al la Beneluksa Kongreso en Haarlem.

Ses gegrupanoj partoprenis en tiu kongreso kaj entuziasme raportis pri ĝi dum la kunveno de la 19a de majo kaj parte ankaŭ dum tiu de la 26a. Dum tiu lasta kunveno, S-ro Ch. Poupeye faris plie paroladon pri la temo « Malpli da latina lingvo kaj pli da hina lingvo ».

Dum la kunveno de la 2a de junio, estis laŭtlegata kaj komentariata artikolo el « La Gazeto ».

**Programo por la venontaj kunsidoj** : Ĉiumarde, je la 8-a vespere, **ĝis meze de septembro en la provizora kunvenejo « CONCORDIA »**, Zuidzandstraat, 5, tel. (050)366.24.

JUNIO : 16an: Kartludado; 23an: Parolata gazeto; 30an: Kanta vespero.

JULIO: 7an: Vizito de la pentraja muzeo sub gvidado de S-ino S. Verbeke-Vanden Berghe; 14an: Parolado de S-ro R. Lagast (subjekto difinota); 21an: Nacia festo - Kunveno ne okazos; 28an: Muzika vespero.

**Ĉiuj ĉiumarde akurate ĉe la posteno!** La komitato insistas por ke la membroj pli regule vizitu la ĉiusemajnajn kunvenojn. Kiu ne ĉeestas ilin perdas kontakton kun la esperantista vivo kaj grave malfaciligas la progresadon de la grupo kaj de la movado.

**Gratuloj :**

Al F-ino Isabelle Van Parys, kasistino de BGE, kiu laŭ reĝa dekreto de la 25a de marto estis nomata juĝoregistrista komizo.

Al S-ino Marguerite Algrain, honora vicprezidantino de BGE, kiu, la 12an de aprilo, fariĝis okdekjara.

Al S-ro Jacques Vermeersch, membro de BGE, kiu la 18an de aprilo edziĝis kun F-ino Joséphine Pottié.

**Kondolencoj :**

Al S-ino E. Vermeersch kaj al F-ino L. Vermeersch, membrinoj de BGE, pro la morto de ilia bofrato kaj onklo S-ro Valere Verheust, (15/3/59).

Al S-ro Rob. Lagast, helpa sekretario de BGE, pro la morto de lia onklo, S-ro Jean Bovaert (29/5/59).



# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Ĝenerala Sekretario : S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo" Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R. B. L. E. : 13.37.67)

## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

### Antverpeno

**Presejo « Espero »**, Dianalaan 180, Berchem.
**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 25, Presaĵoj — Tel. 33.75.38
**« Schoenen BED »** (S-ino E. Bed), Lge Gasthuisstr. 6, Ŝuoj — Tel. 32.62.86
**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikaĵoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. — Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44, Anoncoj en taĝĵurnaloj. — Tel. 37.47.14
**K. Amerijckx**, Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. — Tel. 45.81.07
**R. De Soete-Vanistendael**, Dambruggestraat 234, Okulvitroj — Rab. 5 %
**Cl. Peeters**, Onderwijsstraat 68, Apotekejo — Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. — Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1, Viandisto — Tel. 39.55.81
**H. Peeters**, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. — Tel. 81.48.47
**Verdijck**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. — Tel. 39.06.07
**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. — Tel. 37.62.55
**A. van den Neste**, Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. — Tel. 45.78.59
**« In 't Duifken » (S-ano Paesmans)**, Lge Koepoortstr. 64: Kostumoj (5 % rab.)
**Vino Max Bolsius**, Diepestr. 58-60: Kuirejilaro. — Tel. 32.57.85
**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. Vanderhoydonck-Van den Buys**, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg Ŝuoj — Teksaĵoj — Merceraĵoj. — Tel. 74.27.86
**J. Montmirall**, Kortemarkstraat 53, Berchem. Arhitekto. — Tel. 39.58.66
**Morris de Ketelaere**, Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. — Tel. 39.17.09

### Bruĝo

**Marcel Poupeye**, Elf Julistraat, 32: Ĉiaj asekuroj & pruntoj tutlande. — Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. — Tel. 334.08
**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. — Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei, 19: Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Nordaj ardezoj & ŝtonetoj « Marbrino », Kahelaroj, Fajencoj. — Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. — Tel. 338.34

### Bruselo

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone ; reklamoj kaj litertipoj — Tel. 18.77.67
**Farmacisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. — Tel. 15.26.01
**« Bonbons Swinne »**, 77 rue de Nieuwenhove. — Tel. 44.57.36
**Carrelages « Carrat »**, 19 avenue de Saxe. — Tel. 21.74.49

DRUKK. H. DE BAENE-SERCU, DELAPLACESTRAAT, 3, SINT-KRUIS — TEL. 346.36